# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero de Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO
http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/
auto 15/02/2013 Naŭdeknaŭa Eldono 2013 15/02/2013 SENDITA (unua 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else
La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

## Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Komuniku

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

## ALKLAKU la hiperligilojn markitajn tiel



AŭSKULTU, LEGU **ESPERANTAN RETRADION** TAGE

Informaj rakontetoj, Bona lingvo,
http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



## Esperantaj-RetRadioj. http://esperanto-radio.com/



Inter ili estas la Pola RetRadio, Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.
Ankaŭ radio Muzaiko



**Skribu mallongajn laŭdojn pri AE por meti en nian 100an Novaĵleteron**



# KLUBNOVAĴO





## Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj

La kluboj respondecas pri la ĝisdatigo de la anoncoj

## La kluba listo kreskas





### Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj ) rspring@tpg.com.au
Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## 3ZZZ Retradio Melburno

Esperanto-programo estas dissendita de Melburno ĉiun lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM, kiel ero de la multkultura radio 3ZZZ. Por la nemelburnanoj ĝi audeblas per la reto je www.3ZZZ.com.aŭ dum la sekva semajno aŭ iam ajn en la arkivejo www.melburno.org.au dank'al la ligoj de reta radio.

Por ekzisti ĝi bezonas almenaŭ 40 membrojn kaj bezonas arigi ĉiun oktobron $1000. Se vi pensas ke radio estas subteninda ilo por esperantistoj, nepre membriĝu irante al la retejo www.3ZZZ.com.au. La komitato de la Esperanto-radio en 3ZZZ antaŭdankas vin.



## Central Coast Esperanto Club

kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm
Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

Kunvenis dimanĉe 10 februaro kun 5 partoprenantoj ( Debbie, Jo, Rainer, Jonathon, Gerry.) Post kiam ĉiuj donis raportojn pri siaj aferoj ekde la lasta kluba kunveno, ni diskutis la raporton en la Aŭstraliaj Esperantistoj de la AEA estraro (Skype-kunveno de 7/2/13).
Poste, Rainer Kurz montris iujn filmetojn, tre interesajn, el ' Esperanto Tropfest' kiun li organizis lastjare. Amike, Gerry Phelan.



## La Brisbana Esperanto-Societo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato. 11atm
www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/
Kay Anderson 07 3848 4428



# La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...

Roberto Budzul



# La Melburna Esperanto Klubo

kunvenas lunde, ĉe Ross House. 6.30ptm

Heather Heldzingen

"Pasintan lundon, dek Melburnanoj renkontiĝis ĉe nia klubo, en Ross House, inkluzive Elin-Maria Evangelista kiu verkas romanon pri la 1936 Universala kongreso en Romo. Tiuj kiuj partoprenis en la Bonvola kongreso aŭdis ŝian paroladon pri ŝia projekto"



# Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunvenas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



# La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Junaj vizitantoj ĝis 30 jaraj ricevas matenmanĝon (ĝis $15) Dankon al La "Rainer Kurz Stiftung zur Förderung des Esperanto"



# Esperanto-Domo Sidnejo

kunvenas la lastan dimanĉon de ĉiu monato 12ptm

Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.



# Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

kunvenas la lastan dimanĉon de ĉiu monato 12ptm
ĉe "La Kafo Klubo" Torquay Centre, (Orienta Fino). 41 Bristol Road,
Antaŭ ol veni: Telefonu 03 5261 2899 aŭ Mbl 0421043272
torquayesperantocoffeeclub@gmail.com



# La Adelajda Esperanto-klubo.

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato en La Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.



**ADELAJDA ESPEREJO**, 81/9 East Tce, ADELAIDE 5000, <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3373, estas hejmo de Max kaj Beth Wearing. Tie okazas kunveno ĉiu-sabate (kaj plej ofte ankaŭ vendrede) 10.30 - 12.00h. Vidu, ekzemple, Reunuiĝan Posttagmezon en tiu-ĉi numero de *AE*.

Regule okazas ankaŭ aliaj esperanto-eventoj en la urbocentro de Adelajdo; ekz, jaŭde 10 - 12h ĉe la ŝtat-biblioteko kaj ĉiun unuan merkredon ĉe la skatol-fabriko (18 - 20h).

>

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Nia venonta kunveno estos jaŭdon, la 27-an de februaro, je la kutima horo de 19:00 (18:30 ĉe ni en Adelajdo)

"Mi sendas formularojn al AEA membroj kiuj ne jam pagis la kotizon por la nuna jaro. Por tiuj kiuj ne estas membroj sed interesiĝas esti parto de la reviviglita movado en Aŭstralio, uzu la suban formularon kaj pagu laŭ la indika maniero. (Paĝo 10)

Dankon,

Heather Heldzingen, AEA Member Services."

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?

## Sydney Language Festival 2013



http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/

## LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena







Gerry Phelan skribis:

Multan dankon, Nicole, pro la ligo al la artikolo pri Indrani, kiun vi enmetis en **Aŭstraliaj Esperantistoj** kaj pro via laboro helpi Roger kun la novaĵletero.

Viaj kontribuoj certe pligrandigas la valoron de la novaĵletero.

# Donacoj al Lernu



Dum decembro 2012 kaj januaro 2013 lernu! kaj ESF kolektis 9170 eŭrojn (ĉ. 12.500 USD) – grandan dankon al niaj malavaraj donacintoj!



En tiuj du monatoj ni ricevis pli ol 200 donacojn el kvardeko da landoj. Francio kaj Usono dividas la unuan kaj la duan lokon (Francujo estas la unua laŭ la kvanto de donacoj kaj dua laŭ la kolektita sumo, Usono estas la unua laŭ la kolektita sumo kaj dua laŭ la kvanto de donacoj). Germanujo kaj Brazilo estas sur la tria kaj la kvara lokoj kaj laŭ la kvanto de donacoj, kaj laŭ la kolektita sumo. La ricevitaj donacoj variis ekde dek cendoj ĝis 1500 dolaroj, sed la mezuma donaco estis 20 dolaroj. Ni elkore dankas ĉiujn niajn subtenantojn, kaj ni ege esperas je via subteno ankaŭ en la estonteco!



# Baldaŭ ni lanĉos la novan lernu

Fakte, ĝuste nun viaj donacoj estas aparte bezonataj ĉar lernu!-teamo laboras tagojn kaj noktojn por baldaŭ lanĉi la novan lernu: pli modernan teknike, aspekte kaj enhave: Lernu.net ja estis kreita antaŭ dek jaroj kaj do estas neniu surprizo, ke ĝi eksmodiĝis teknike kaj enhave. Kompreneble, la mona subteno estas nur unu aspekto de tio, kiel vi povas helpi al lernu! (kvankam ĝi estas tre grava: imagu, se ĉiu persono el 136 mil registritaj uzantoj donacus nur unu eŭron!) – ekzemple, vi povas fariĝi volontulo aŭ lingvohelpanto. Kontaktu la administranton, Erin Piateski, por pli da informoj (piateski@alum.mit.edu).

Amike vin salutas, Ĵenja Amis, Erin Piateski, Jevgenij kaj Neringa Gaus

Bonan tagon,

Mi scivolus kie Lernu reklamas (ĉu bona vorto ?) Kelkaj aŭstralianoj allogiĝas al Lernu, sed ne multaj al ni. Eble, se ni afiŝus Lernu pli da personoj iros al Lernu, kaj poste venos al ni ??? Mi neniam vidas reklamon de Lernu, ĉu vi ?

Amike, Henriette.

## Ĉu Esperanto Meetup retejo reklamas Lernu? RogerS

Mi rimarkis en **AE98**, ke la estraro de AEA plu diskutas la eblecon maligi la ŝanĝon de ties leĝa stato. Mi skribas nur por diri, ke, se AEA iĝos asocio anstataŭ kompanio, mi tuj reaniĝos.



Amike, Ron Gates

# Jen la respondo al la AEA raporto pri la Kompanio aŭ Asocio



Legante *Australiaj Esperantistoj 98*: pri AEA raporto de la komitata kunveno pere de skajpo la 7an de Februaro. Koncerne 2 eblecojn: KOMPANIO aŭ ASOCIO: ĉi tio ne estas klara, ĉu unu aŭ alia. Se temas pri unu el la du, mi estas por ASOCIO. Se temas pri ebleco de ambaŭ: Tie estas demando, ĉu ASOCIA kompanio,signifas ke asocio estros kompanion, kun direktoroj, tia kaze mi ne konsentos, nek unu nek alia.

Se temas pri KOMPANIO kun asocio. Tio signifas ke kompanio estros kompanion. Kaj la ASOCIO, estos flanken parto de la kompanio, signifas investi ke la kompanio,garantias ke tio estos profito al la asocio. Tia kaze individuaj membroj de asocio rajtos investi sianome al la kompanio. La ASOCIO: povus investi kiel asocio kun permeso de la membrara konsento, post la debato.

Svetislav Kanaĉki

Jen la ĉarma filmeto kiu ricevis la unuan premion en la filmokonkurso de Germana Esperanto Asocio.



http://www.youtube.com/watch?v=hkQZUI5f_ck

Kaj tie vi trovos 25 filmetojn de la filmokonkurso

http://www.youtube.com/user/filmkonkurso

Amike, Nicole

# Saluton el Brazilo!



Kara samideano Roger Springer

Nome de la direktoro-prezidanto de Legio de Bona Volo (LBV), José de Paiva Netto, kaj de la laborgrupo de LBV mi tutkore dankas vin pro la grava helpo je diskonigo de la anonco pri Edukado en LBV per via bunta kaj riĉenhava novaĵletero. (AE96)
Al via koro ni dediĉas ĉi tiun penson de la edukanto kaj verkisto Paiva Netto:

***"Ni kunigas la spertotrezoron de pli maljunaj homoj al la fruktodona energio de pli junaj".***

Frate kaj samideane,
el la centra sidejo de Legio de Bona Volo en la urbo San-Paŭlo,
Maria Aparecida da Silva
Responsulino de la Departemento pri Esperanto de LBV

# Jennifer kaj Alan Bishop vizitis Sidnejon



' Pasintan semajnon, ĵaude kaj vendrede ni pasigis du tre agrablajn tagmanĝojn kun Rainer Kurz el Germanio. Nia interbabilado konsistis el tre diversaj temoj, kompreneble inkluzive de la malĝoja forpaso kaj funebra ceremonio de nia amiko Anthony Gaskell, kiun li sukcesis ĉeesti.

La tempon en Sidnejo ni dediĉis plej grave al rekuniĝo de kolegoj el Universitato de Teknologio en Lae, PNG, 1977, sed ni ankaŭ sukcesis viziti la elstaran vizitendan ekspozicion pri Aleksandro la Granda el Makedonio, 300 jaroj AK, ĉe la Aŭstralia Muzeo. Nepre iru se vi havos la ŝancon, ĉar gxi montras la neimageblajn rilatojn inter la popoloj de mezorientaj landoj kiuj ankaŭ influis per 2000 jaroj de trezoroj eĉ Reĝinon Katarina de Rusio. Troviĝas granda kvanto da ekspoziciaĵoj el la Hermitaĝo.'

Jennifer kaj Alan Bishop

## Helena Tlachová, Česka Respubliko, serĉas plumamikon - virinon aŭ viron.

Detaloj,

Edzino , kun filino, loĝas en Moravio - vilaĝo Šumice.

La adreso sur la koverto estas: TLACHOVA Helena, 687 31 Sumice 145, okr Uh. Hradiste

Ŝajnas ke ŝi ne havas interreton, sed povas paroli per SKYPE al amikoj en Eŭropo.

Esperanto Federation of NSW nsw@esperanto.org.au

# Esperanto, oficiala lingvo de Eŭropa Unio?

Nova franclingva peticio "destinita al la eŭropaj politikaj respondeculoj" aperis sur la multlingva retejo AVAAZ. Jen traduko :

> Esperanto, oficiala lingvo de Eŭropa Unio, nun !
> Valoras subskribi ĝin kaj voki al subskribo el la tuta mondo.

http://www.avaaz.org/fr/petition/Esperanto_langue_officielle_de_lUE/?tJbwlab

Jen la teksto de la peticio :

Ni, civitanoj de Eŭropo kaj de la mondo, ni vokas vin fari el Esperanto la 24an lingvon de Eŭropa Unio, por Eŭropo pli demokrata kaj pli justa rilate al ĉiu lingvo kaj kulturo de la kontinento.

Elekti Esperanton prefere al la angla, tio estas plia paŝo en la eŭropa konstruado.



Mankas debato je la eŭropa nivelo, Eŭropo ne devas esti nur ekonomia, ĝi devas esti ankaŭ Eŭropo de la popoloj.

Hieraŭ ptm estis 44 subskriboj, ĉi matene estas nur 57. Kvankam la aŭtoro skribis "Ni atingu 100", tio estas absolute sensignifa nombro. Devus esti miloj, dekmiloj, centmiloj, eĉ milionoj por ke la demando ricevu vastan atenton kaj konsideron.

Al tio mi aldonis,en Esperanto kaj en la franca,en du apartaj mesaĝoj, citaĵon de la Nobelpremiito Reinhard Selten en rilato kun la temo.
Ĉu tiu citaĵo ekzistas en aliaj lingvoj ? Tio ebligus al mi fari pliajn similajn afiŝetojn (Reago-anoj ne povos ricevi pro teknika netaŭgeco de tiu listo).
Jen ĝi :
"Facile lernebla planlingvo kiel Esperanto ebligas neŭtralan solvon de la lingvoproblemo. Duan fremdlingvon oni lernas multe pli facile ol la unuan. La dualingva efiko estas tiom forta, kaj Esperanto tiom facila, ke estas pli favore unue lerni Esperanton kaj poste nacian fremdlingvon, ol nur tiun fremdlingvon solan.
Tio estas science pruvita per lernejaj testoj. Unue kelkaj landoj povas fari traktaton pri lerneja instruado de Esperanto. Poste oni povos vastigi tiun traktaton al aliaj landoj."

Reinhard Selten, Nobelpremio pri Ekonomio 1994, en parolado en la Eŭropa Parlamento la 9-an de majo 2007. Reinhard Selten krome diris,ke "La lingva baro estas grava malhelpo por komuna eŭropa identeco."

sendis Peter Weide al Bob Felby kaj Bob Felby al ni.

## Esperanto, oficiala lingvo de Eŭropa Unuiĝo, nun !

Ni, civitanoj de Eŭropo kaj de la mondo, ni vokas vin fari el Esperanto la 24an lingvon de Eŭropa Unio, por Eŭropo pli demokrata kaj pli justa rilate al ĉiu lingvo kaj kulturo de la kontinento. Elekti Esperanton estas plia paŝo en la eŭropa konstruado. Mankas debato je la eŭropa nivelo, Eŭropo ne devas esti nur ekonomia, ĝi devas esti ankaŭ Eŭropo de la popoloj. http://eo.wikipedia.org/wiki/Esperanto





# REUNUIĜA POSTTAGMEZO




Sabaton, la 2an de februaro, 2013, NEIL SILLS, gravega kontribuinto al la Universala Esperanto Kongreso en "The Adelaide Convention Centre, North Tce, ADELAIDE" en 1997, rekunvenis kun grupo de aliaj adelajdaj esperantistoj. Neil perfekte estris la teknikajn aspektojn de tiu Universala Kongreso. Poste, li fariĝis ankaŭ provizora Sekretario de AEA dum kelkaj monatoj antaŭ ol fariĝi plentempa studento pri Juro en "The University of Adelaide". Li nun instruas Juron en "The University of South Australia". Abid Afridi, kiu estis elstara studento de Neil antaŭ sia gradiĝo, estas tiu, kiu persvadis lin ĉeesti nian ĉi-monatan reunuiĝon. Svisdevena, Neil bone memoras sian Esperanton, francan, italan, germanan kaj aliajn eŭropajn lingvojn kaj eĉ la urduan!

**En la foto** (far Max Wearing) **staras Abid Afridi, Neil Sills, Brendan Linnane, Gordon Coleman, Beth Wearing, kaj Ann Coleman.**

Same kiel Neil Sills, Brendan Linnane bone parolas diversajn eŭropajn lingvojn kaj ankaŭ la mandarenan kaj la kantonan. Ankaŭ li kontribuis multegon al la preparado de la Universala Kongreso de 1997. Dum la pasintaj ses jaroj Gordon Coleman, AEA Direktoro pri Edukado, restas preskaŭ sendube la sola instruisto de Esperanto kiel LOTE ("language other than English") en aŭstraliaj ŝtat-lernejoj. Kun sia edzino, Ann, Gordon organizas ĉiujaran "Winter School". Tiu de 2013 okazos en Adelajdo kaj apuda "Sheidow Park Primary School" dum la longa semajnfino inter la 7a kaj la 10a de junio.

Joseph Maxwell Wearing mwearing@internode.on.net

## Aŭstralia Esperanto-Asocio (ACN 121 495 789)

### Formularo por Membriĝo • ĝis 31 Decembro 2013
### Membership Form • until 31 December 2013

Bonvolu uzi unu formularon por ĉiu persono | Please use one form for each person

| AUS $ | |
|---|---|
| Plena membriĝo \| Full membership | $ 35.00 |
| Ordinara Plena Membro - Koncesia \| Ordinary Full Member – Concession | $ 25.00 |
| Dumviva Membro \| Lifetime Member | $600.00 |
| Dumviva Membro - Aĝa Koncesio / Lifetime Member - Age Concession over 65 years | $300.00 |
| Eksterlanda Membro / Overseas Member | $ 25.00 |
| Asocia Membriĝo \| Associate Membership | $ 10.00 |
| Familia Membro \| Family Member / Junula Membro (ĝis 21j) \| Youth Member (to 21 yrs) | $ 10.00 |
| Membra Organizo \| Organizational Member | $ 35.00 |

Laŭ leĝo via nomo kaj adreso sube aperos sur oficiala registro de membroj.

By law your name and address below will appear on the official register of members.

______________________ _________________________ _________________________ _____________

persona nomo | first name  familia nomo | last name  subskribo | signature  dato | date

_________________________________________________________________________________________

Adreso | address

_________________________ ______________________________ ________________________

telefono | telephone  retadreso | email address  skajpo-nomo | skype name

Indiku informojn kiujn vi permesas al ni publikigi (ek. adresaro): Tick the information you allow us to make public (eg. adresaro):

❑ ĉiuj | all ❑ nomo | name ❑ adreso | address ❑ telefono | telephone ❑ retadreso | email ❑ skajpo | skype ❑ neniu | none

Pago de kotizo por membriĝo | Payment of membership fee - amount paid $__________

Mi kunmetas ĉekon aŭ monokuponon al:

I am including a cheque or money order to: "Australian Esperanto Association"

aŭ

Mi deponis la monon rekte en la CBA konton de AEA: | BSB: 066 - 136 a/c #: 0090 – 3636

I paid the money directly into the CBA bank account of AEA: date ___/___/_____ Ref: ___ ________________

Bonvolu sendi vian subskribitan, plenigitan formularon kun pago al: Please send your signed, completed form with payment to:

Treasurer,
Australian Esperanto Association,
C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne, 3001

Optional:

Ĉu vi estas membro de alia organizo/asocio (ekz. Verda partio, skoltoj, Rotary,......) bv menciu ĝin.
Are you a member of another organization/association (Greens, Scouts, Rotary,....), please tell us.

Bonvolu skribi suben se vi havas iun ajn demandon aŭ komenton pri ĉi tiu formularo.
Please write if you have any questions or comments about this form.

La AEA statuto kaj celoj haveblas ĉe: | The AEA constitution and aims are available at: http://aea.esperanto.org.au

Ni bonvenigas kontribuaĵojn al Esperanto sub la Suda Kruco (ESK). Se vi volas doni ion ajn por publikado, ek. ŝatataj diraĵoj, frazoj, vortoj, fotoj, artaĵoj ktp, bonvole skribu ĉi tie, aŭ alternative bonvole sendu materialon al esk2@esperanto.org.au.

We welcome contributions to Esperanto sub la Suda Kruco (ESK). If you would like to give anything for publication, eg. favourite Esperanto quotes, sayings, expressions, words, photos, artwork etc, please do so here, or alternatively please send any material to esk2@esperanto.org.au.